23a Jaro - No 7 (245) Jara Kotiz-Abono Fr. 35,— Julio 1937a

# BELGA ★ ESPERANTISTO

Fondita en 1908a

DIREKTORO:
**Maur. JAUMOTTE**
44, Avenuo De Bruyn
Wilryck-Antverpeno

Oficiala Organo de
Reĝa Belga Ligo Esperantista
Societo sen profita celo. --- Belga Ŝtatgazeto 27.6.36

ANTAŬEN

## Ni energie kaj daŭre propagandu

Jam kelkaj semajnoj forpasis, de la belaj tagoj, kiujn ĉiuj kune pasigis en Antverpeno.

Ni diras « belaj tagoj », kaj tiam ni ne speciale pensas pri la organizitajoj, sed pri la kunesto de Esperantistoj el diversaj urboj, kiuj tiel, dum tri tagoj, povis, unufoje pli, ĝui la veran Esperantan atmosferon en kiu ĉiu tamen devas, de temp' al tempo, rebani, kiel la laboranto, devas nepre ankaŭ, post jaro de laboro, rekapti la necesan moralan forton per ripozo ĉe l' marbordo aŭ en la montaro aŭ per eliro almenaŭ el la kutima ĉiutaga laborejo.

Ni ankaŭ, Esperantistoj, post jaro da propagando, deziras, je la fino de tiu Vintro, kiu ĉiam estas plej peza por ni, kompari la rezulton de niaj klopodoj, kun tiuj de niaj samideanoj el aliaj urboj kaj interŝanĝi kun ili ideojn pri tio, kion ni eble povos fari en la estonto.

Tial Kongresoj estas ne nur amuzaj renkontejoj, sed ankaŭ necesaj kaj tre gravaj okazantajoj.

Kaj tial ni devas esti dankemaj al ĉiuj, kiuj regule bonvolas respondi al nia alvoko kaj tial ankaŭ la L.K.K.'oj, honore de tiu elito en nia movado, organizis kaj organizos estonte, kiel eble plej multe da allogaj programeroj, kies sukceso devas iom kompensi niajn propagandistojn kaj plej fidelajn membrojn pri ilia senlaca laborado.

Apenaŭ tiu kongreso estis for, ke ĉiuj jam retroviĝis en plena laboro. Ĉu ni citos tiun aŭ tiun ĉi grupon. Ne necese. Sed ni povas konstati, ke, malgraŭ la fakto, ke la somero jam komenciĝis, ĉie tamen oni akre kaj daŭre laboras.

Kaj estas al la daŭrigado de tiuj klopodoj, ke ni instigas vin. Se ni volas, dum la Vintro, rikolti, ni devas semi, ankaŭ dum Somero. Se ni volas, ke niaj kursoj sukcesu en Septembro, ni, jam de nun, devas atentigi la publikon, pri nia ekzisto, pri la utileco de nia lingvo, pri la facileco de Esperanto.

Se ni volas, ke ni kompensu proksiman jaron, eventualan forfalon de malinteresiĝintaj membroj, ni devas, de nun, akiri al nia movado, tiujn, kiuj iam estos la anstataŭantoj de la forfalintoj.

Kaj ni povas ĝoji, ke en niaj belgaj grupoj, oni tion komprenis. En diversaj urboj, kie ni ne jam havis grupojn, ekmontriĝis la emo pri starigo, kaj, kun la helpo de la Ligestraro kaj de ĝia Administrantaro, ni povas fidi, ke la jaro 1938 vidos sufiĉe gravan plialtigon de la nombro de grupoj en nia lando.

Sed ne sufiĉas, ke ni enŝovu nian movadon en tiujn lokojn, kie ĝi ne jam estas disvolviĝinta.

Ni ankaŭ devas zorgi, ke tie, kie ni jam estas fortaj, ni konservu nian fortecon kaj ke, iom post iom, el la urboj, la ondoj rulu al la ĉirkaŭaĵo, ĝis kiam ili renkontos tiujn alvenintajn el alia loko.

Tiam nia lando estos la verda lando, kiu ĝi devas nepre nun post mallonga tempo iĝi.

Kvindek jaroj forpasis efektive de la momento, kiam D-ro Zamenhof eldonis sian unuan broŝuron pri nia lingvo.

Kvindek jaroj estas longa periodo; **necesa** periodo tamen por ke ĉie en la mondo la publiko ekaŭdu kaj ekinteresiĝu pri nova ideo.

Kvindek jaroj tamen devas esti **sufiĉa** periodo, por ke nun, fine, ni eliru la periodon de preparo, por eniri tiun de efektiviĝo.

Per frata kunlaboro de ĉiuj grupoj kaj de ĉiuj individuoj, kiuj, pensante nur pri nia komuna idealo de interkompreniĝo kaj de frateco, volas antaŭenmarŝi, ni ja sukcesos akiri baldaŭ rezultatojn, kiujn ni, ĝis nun, ne kuraĝis esperi.

Maur. JAUMOTTE.

---

## Grava Komuniko

**Pro la gravaj plialtiĝoj de la paperprezoj, la Direktoro decidis, kiel provizora rimedo, aperigi la numeron de Aŭgusto-Septembro la 15-an de Aŭgusto kaj la sekvonta numero, la 1-an de Oktobro.**

**Proksiman Dimanĉon, la 4-an de Julio, kunvenos la administrantaro de « Belga Ligo Esperantista », kaj ĝi definitive pridecidos tiun ŝanĝon en la ordinara aranĝo de nia revuo.**

"Esperanto en la Moderna Vivo"

# La Internacia Konferenco de Parizo iĝis granda Sukceso

Pasintan monaton, ni promesis al niaj legantoj doni kelkajn informojn pri la internacia konferenco «Esperanto en la moderna Vivo» kiu okazis en Parizo dum la pentekostaj tagoj.

Ni ne detale raportos pri ĉiuj okazaĵoj, sed, pro manko de loko, limigos nin, donante kelkajn informojn pri la prepara laboro kaj, aliflanke, konigante ankaŭ la rezultatojn de la konferenco.

Ni ĉerpas la ĉi malsupran tekston el konciza sed bonega raporto, verkita de Jann Strönne, kaj aperinta en la Junia numero de « Svenska Esperanto-Tidningen »:

**La prepara laboro.**

La unua teknika komisiono sin okupis pri **Esperanto en la lernejoj** kaj en unu el la lernejoj de Besançon okazis specialaj kursoj de Esperanto kiel eksperimento oficiala. Dum la konferenco la prez. de TAGE s-ro B. Beckman, ekzamenis la gepartoprenintojn antaŭ la 1-a komisiono, kiu cetere havis grandan laboron. Unue ĝi ekzamenis la jam atingitajn sukcesojn dum la konferencoj en Genève kaj Wien. Plie ĝi ekzamenis en intima kunlaboro kun la oficialaj instancoj universitataj, ĉu la instruo de Esperanto estu deviga aŭ laŭvola, en kiaj klasoj, en kia grado de instruado oni devos ĝin lernigi al la junuloj. Cetere demandoj pri libroelektado, diplomdonado ktp. ktp.

**Internacia trafiko** estis la laborkampo por la dua komisiono. Kiel prezidanto funkciis la ĝenerala direktoro de la ŝtataj fervojoj kaj oni vidis reprezentantojn de komerco, industrio, foiroj, turismo, polico, bankoj kaj borso, poŝtoj, doganoj ktp. En tri el la grandaj stacidomoj de Parizo okazis specialaj kursoj pri Esperanto, kaj la komisiono montris la rezulton de la konferenco. La 2-a prepara komisiono havis kiel unuan taskon la zorgon detale montri la praktikajn servojn, kiujn jam alportis Esperanto en tiu fako de la moderna vivo sur la turisma, foira, komerca, policana, poŝtista kampoj ktp. Due la komisiono preparis la vojon al pli granda uzado de Esperanto en la internaciaj interŝanĝoj: en mar- kaj flughavenoj, en internaciaj vagonaroj, en ĉefstacidomoj, en la doganoj, en radio, polico, en poŝtoficejoj, en hoteloj, turismaj oficejoj ktp.

En la tria komisiono, **Sciencoj kaj teknikoj,** oni vidis la vic-prezidanton de la Franca Akademio de sciencoj kaj cetere altrangajn reprezentantojn de arkitekturo, aviado, fiziko, maristaro, ĥemio, medicino, agrikulturo, teknikoj ktp. La komisiono faris inventarion de la rezultoj jam atingitaj kaj konstatis, ke ekzistas gazetoj esperantaj pri sciencoj kaj teknikoj kaj ke jam ia nombro da revuoj presigas siajn ĉefajn artikolojn en Esperanto.

La lasta prepara komisiono, la 4-a, sin okupis pri **intelektaj interŝanĝoj** kaj la radio, gazetaro, teatro, bibliotekoj, kinoarto, muziko, beletristiko, ĵurnalismo, stenografio, religioj kaj filozofio sendis kunlaborantojn. La komisiono faris inventarion de la tradukoj de la ĉefverkoj. Ĝi tiel celis montri, ke internacia arto en teatro, en kino kaj en radio ne nur estas ebla, sed ekzistas. La komisiono pretigis por la konferenco specialan teatroprezentadon kaj propagandan filmon « Antaŭen », kiu estas 16 mm. filmo por povi esti prezentota en ĉiuj lokoj, en ĉiuj lernejoj. La filmo konsistas el tri ĉefpartoj: a) nura esperantpropagando, kiu vere estas efika, b) la esperanta vivo en diversaj grupoj parizaj, c) la paca kaj interfratiĝa celo de Esperanto. Kopiojn de la filmo aĉetos ĉiu nacia esperanto-asocio por uzado laŭvole. La filmo postulas pli ol unuhoran prezentadon kaj estas la unua nura propaganda filmo, kiu ekzistas.

Oni devas atenti, ke la membroj de la diversaj komisionoj estis gefrancoj. La 4 komisionoj nur pretigis la tagordon de la esperanta konferenco kaj transdonis la rezulton de siaj laboroj antaŭ internacia publiko por diskuto kaj voĉdono.

**La decidoj de la konferenco.**

Lunde la 17-an de majo la ferma kunsido okazis posttagmeze. La prezidanto estis s-ro Bastien kaj funkciis kiel sekretario s-ro Pierre Petit. Generalo Louis Bastien skizis jene: La kvar preparaj kunsidoj, kiuj konsistis el membroj de la franca respubliko, prezentis sian laboron antaŭ internacia konferenco, kiu dum kelkaj tagoj profunde pristudis kaj diskutis la diversajn flankojn de ĉiuj problemoj, kiuj amasiĝis. Kompreneble la konferencaj sekcioj faris siajn konkludojn sed por fine solvi la ampleksan aron da demandoj ne sufiĉas kelkaj tagoj. La konferenco diskutis la problemojn kaj faris konkludojn sed poste apartenas al la diversaj fakoj kaj landoj efektivigi la decidojn. En tiu laboro ĉiu esperantisto devas kunesti. La proksima paŝo okazos en Varsovio, kiu ĉefe pritraktos la aferon pri Esperanto en la lernejon — la devizo de la kongreso.

Poste generalo Bastien donis la parolon al la prezidantoj de la diversaj sekcioj, kaj ili raportis pri la konkludoj. Jen sekvas la ĉefa enhavo de la diversaj konkludoj:

**La unua komisiono** postulas Esperanton kiel devigan studobjekton en la normalajn lernejojn. En la duagradaj lernejoj oni devas lerni Esperanton dum unu jaro por doni la bazon kaj preparadon por la studado de aliaj lingvoj. Komence tio povas okazi kiel eksterprogramaj lecionoj laŭvolaj. Plue oni devas montri al la studentoj la utilecon de Esperanto. Esperanto devas esti deviga instruobjekto dum 1-2 jaroj en specialaj lernejoj (por blinduloj ktp.), kie okazu supera instruado pri Esperanto. Specialaj diplomoj por blindulaj instruistoj. Krome postuloj pri multaj diversaj temoj.

**La dua sekcio:** En ĉiuj stacidomoj devas okazi kursoj pri Esperanto. Dum la deĵoro ĉiuj esperantistoj portu la verdan stelon. En ĉiu loko, kie estas internacia publiko oni devas montri Esperanton per afiŝoj ktp. Ĉiu esperantisto portu dum la deĵoro la vorton Esperanto videbla (tiun postulon tuj efektivigis la francaj fervojoj). Esperanto devas esti la sola lingvo dum la kongresoj internaciaj ktp.

Unuformigi la teknikan vortaron, starigi internacian kodon kaj anstataŭigi ĉiujn nun ekzistantajn teknikajn gazetojn per unu granda ĵurnalo estis la ĉefaj postuloj de **la tria komisiono.** Krome devas Esperanto esti deviga temo en teknikaj kaj sciencaj lernejoj.

**La lasta komisiono** konstatis, ke intelektaj interŝanĝoj estas neeblaj sen Esperanto kaj i.a. proponis la starigon de granda asocio por la radio kun sekcioj en ĉiuj landoj, kaj jam dum la konferenco oni faris la preparajn laborojn por la efektivigo de tiu ĉi postulo kaj faris grandan antaŭenpuŝon.

Kiam la ĝenerala sekretario poste faris la ĉefan rezolucion de la konferenco li konstatis, ke la rezultoj estis abundaj kaj vastaj. Al la franca registaro apartenis granda danko pro la

# Reĝa Belga Ligo Esperantista

## Niaj Kongresoj

### Solena Jarkunsido de Reĝa Belga Ligo Esperantista

Ĉi poste sekvas mallonga raporto pri la solena jarkunsido de R.B.L.E., pri kiu ni ne detale parolis pasintan monaton.

La kunsido okazis en la festsalono de la lernejo en Quellinstrato.

Ĉe la estrara tablo troviĝis s-ro Kempeneers, prezidanto, F-ino Thooris, s-ro Jaumotte, gevicprezidantoj, s-roj Swinne kaj Poupeye, sekretarioj, F-ino Jennen, s-roj Cogen, Cafonnette kaj Vandelde, geadministrantoj, ktp.

Estis dum tiu ĉi kunsido, ke la jubileo de « La Verda Stelo » estis oficiale priparolata.

S-ro Kempeneers poste ankaŭ laŭtlegis la nomojn de tiuj membroj de la Ligo, kiuj jam de antaŭ minimume 25 jaroj aliĝis kaj do jam pro tiu nura fakto multe faris konstante atestante pri sia intereso en nia movado.

Jen tiu honora listo:

S-ro Babilon(Tongeren), S-ro Champy (Antverpeno), S-ro Cogen (Ninove), S-ro De Coster (Antverpeno), S-ro De Man (Gento), S-ro De Koning(Antverpeno), S-ro Dervaux (Bruĝo), S-ino Elworthy (Mariaburg), F-ino Jennen (Bruselo), S-ro Matthieux (Bruselo), F-ino Nachtergael (Gento), F-ino Obozinski (Bruselo), S-ro Ritschie (Antverpeno), S-ino Staes (Bruselo), F-ino Thooris (Bruĝo), S-ro Verbeke(Bruĝo).

La prezidanto krom tio direktis kelkajn speciale trafajn vortojn al s-ino M. Elworthy-Posenaer kaj al s-ro Cogen, kiuj respektive estas esperantisto de antaŭ 30 kaj 40 jaroj.

Por inde rememori tion, la prezidanto proponas nomi s-ron Cogen emerita vic-prezidanto kaj s-inon Elworthy emerita administrantino.

La tuta ĉeestantaro varme aplaŭdas tiun proponon, kaj nun s-ro Jaumotte ekastaras, por diri ankoraŭ kelkajn gratulojn al ambaŭ jubileantoj, precipe al s-ino M. Elworthy-Posenaer, al kiu li transdonas, nome de la Antverpena grupo, la insignon « Pro Merito ».

Post tiuj pli « festaj » punktoj de la programo, oni ankoraŭ iom priparolis la ĝeneralan situacion de nia movado kaj s-ro Georges Van den Bossche, teritoria sekretario de I.E.L. donis kelkajn utilajn informojn pri nia nova internacia organizo.

---

granda apogo. Dum la estonteco la komisionoj laboros konstante. Laŭ speciale franca vidpunkto la unua celo estas enkonduki Esperanton kiel devigan temon en la lernejon kaj en la duagradajn lernejojn, kie ĝi estu preparado por la studo de la fremdaj lingvoj.

**Konkludo.**

Ne estas dubo pri tio, ke la Internacia Konferenco « Esperanto en la moderna vivo » faris brilan sukceson. La laboro de la preparaj komisionoj estis granda kaj la decidoj kaj iniciatoj tre gravaj. Reprezentantoj el 30 landoj faris sian devon kiel eble plej bone kun granda entuziasmo. La finaj konkludoj de la konferenco alportos al la esperanto-movado novan sangon, novan energion kaj oni povas vidi la stelan celon tra la nebulo. Malgraŭ tio ke la ekspozicio ne funkciis dum la konferenco (pri kiu eble multaj revis) la Internacia Konferenco « Esperanto en la moderna vivo » en Paris 14—17 majo 1937 restas kiel memoro, sed estas tre bela memoro. Vivu Esperanto!

**Fotografaĵoj de la Kongreso.**

Tiuj, kiuj deziras fotografaĵojn pri la kongreso povas ankoraŭ ilin mendi ĉe la Prezidinto de la L.K.K., je la prezo de Fr. 5,—, kiujn oni pagu al lia privata poŝtĉekkonto 1700.10.

La fotografaĵoj antaŭ la ŝipo, en Bouwel, estis multnombraj. Se iuj partoprenintoj deziras malgrandan fotografaĵon, ni povas sendigi al ili tiun sur kiu ili kunestas. La prezo estas Fr. 2,50 inkl. sendelspezoj.

### XXVIIa Belga Esperanto-Kongreso - Charleroi

Ni jam presis la unuan liston de aliĝintoj, ĉiuj partoprenintoj de la Kongreso en Antverpeno.

Hodiaŭ, ni volas presi nur la nomojn de la amikoj el Charleroi mem, kiuj jam aliĝis al nia XXVIIa.

Ni esperas, ke, en proksima numero de nia revuo, ni povos enpresi gravan plian liston.

Unue ni citas unu nomon de aliĝinto, kiu estis forgesata en antaŭa listo:

43. S-ro Georges Van den Bossche, Antverpeno
44. S-ro Raymond Marghem, Marcinelle.
45. F-ino Ida Brassine, Lodelinsart.
46. S-ro Eugène Allard, Charleroi.
47. F-ino Marie-Louise Bouxain, Marcinelle.
48. S-ro Fernand Penninck, Walcourt.
49. S-ro Marc Delforge, Charleroi.
50. S-ro Lucien Vanremortere, Montignies-s.-Sambre.
51. S-ro Camille Cafonnette, Walcourt.
52. S-ro Jean Conard, Couillet.
53. S-ro Raymond Paulus, Charleroi.

### Por nia Universala Kongreso

**Ni atentigas pri la fakto ke la oficialaj instancoj de nia movado konfidis la organizon de komunaj vojaĝoj al la Kongres-urbo Varsovio, al la konata vojaĝagentejo «Orbis», kiu havas siajn oficejojn en Bruselo kaj agentejojn en diversaj urboj.**

**Tiu oficejo preparis tri vojaĝojn, kies resuman priskribon ni povas havigi al la interesatoj.**

---

## Polaj Vesperoj

Kiel estis anoncite en nia numero de Junio, s-ro Grenkamp-Kornfeld parolis en diversaj grupoj de Belga Ligo, pri Polujo.

Ĉie, en la tuta lando, la paroladoj vekis grandan intereson kaj rikoltis s-ro Grenkamp varman aplaŭdon.

Li majstre pruvis, unu fojon pli, ke amo al la patrujo kaj la ideo pri esperanto povas tre bone iri man-en-mane.

Okaze de lia vizito en Antverpeno, multaj membroj de aliaj grupoj el Grand'-Antverpeno estis invitataj kaj ĉeestis la kunsidon, okaze de kiu s-ro Kempeneers, Liga Prezidanto, ankaŭ venis Antverpenon.

En Bruselo ĉeestis la paroladon s-ro Jackowski, ministro de Polujo, kun multaj eminentaj membroj de la Pola kolonio en Bruselo.

En Bruĝo, s-ro Grenkamp trovis la saman, varman, vere esperantan atmosferon kiel en ĉiuj belgaj grupoj kaj ankaŭ tien lin akompanis s-ro Kempeneers.

Dum tiuj paroladoj, kiuj ĉiuj same bone sukcesis, la eminenta oratoro kaptis ĉiun okazon, por entuziasme varbi por la internacia kongreso en Varsovio kaj sendube li sukcesis veki grandan intereson pri ĝi ĉe multaj esperantistoj belgaj.

# BELGA KRONIKO

## GRUPA KALENDARO :

ANTVERPENO. — **Reĝa Esperanto-Grupo « La Verda Stelo ».** — Kunvenejo « De Witte Leeuw », Frankrijklei, 4, Avenue de France : ĉiusabate je 20.30-a h. (atentu la horŝanĝon).

La 3-an de Julio: Parolata Gazeto.

La 4-an de Julio: Ekskurso al Schooten-Heide. La partoprenantoj povas iri per tramveturilo ĝis la « Oude Barreel ». De tie oni forveturos je la 10a h. per aŭtobuso al Schooten.

La 10-an de Julio: Parolado de sinjoro O. Van Dyck.

La 17-an de Julio: Komuna monata vespermanĝo.

La 24-an de Julio: Legado de teatrjo.

La 31-an de Julio: Klubvespero (societaj ludoj).

BRUĜO. — **Bruĝa Grupo Esperantista, Reĝa Societo.** — Ĉiumarde, je la 20-a. — SIDEJO : « Gouden Hoorn-Cornet d'Or », placo Simon Stevin, tel. 314.59.

KUNVENEJOJ: Salonego de la Kooperativa Soc. EENDRACHT-UNION, enirejo kontraŭ la Aŭgustana Ponto. Kafejo « Vlissinghe », Bleekersstr., 2, R. des Blanchisseurs.

Mardon, la 6-an de Julio, en « E.U.B. »: a) Legado kaj klarigado de B.E. (Prezidanto: S-ro Ch. Poupeye.) — b) Triopa babilado kun posta raporto. (Prez.: S-ro K. Decoster.)

Mardon, la 13-an, en « Vlissinghe »: a) Klarigado de nova kanto. (Prez.: F-ino Y. Thooris.) — b) Portretludo. (Prez.: S-ino Y. Vrielinck.)

Mardon ,la 20-an, en « Vlissinghe »: Kantvespero. (Prez.: S-ro H. Van Roye.)

Mardon, la 27-an, en « E.U.B. »: Konkursoj kun premioj. (Prez.: F-ino M. Vanden Berghe.)

Unu el tiuj programoj povos esti anstataŭata de promenado, ĉe bela vetero.

N.B. — La grupa BIBLIOTEKO estas malfermata ĉiumarde, de la 19.30-a ĝis la 20-a, en la grupa Sidejo. Bibliotekistoj: S-ro Karel Decoster kaj F-ino M. Vanden Berghe. Tie ankaŭ samtempe: vendado kaj mendado de esperantaĵoj: libroj, steloj, poŝtkartoj, skribpapero, ktp.

HELPA VENDEJO de esperantaĵoj estas malfermata ĉe F-ino M. Huyghe, Pottereirei, 1, Quai de la Poterie (Helpa Poŝtoficejo).

BRUSELO. — **« Esperantista Brusela Grupo ».** — Kunvenejo : « Hotelo Albert I », Placo Rogier, 10, ĉiulunde je la 20.30-a horo.

Ĉiulunde: je la 7a alterne danc- aŭ teatra sekcio; je la 8a kunveno de la novuloj sub la gvidado de S-ro Vanderhecht.

Je la 20a 30: vendredon, la 2-an de Julio Komitatkunveno.

Lundon, la 5-an: prelego de S-ro Swinne: La venontaj valutfaloj.

Lundon, la 12-an: kantvespero.

Lundon, la 19-an: Akcepto de anglaj samideanoj.

Lundon, la 26-an: parolata ĵurnalo.

**ANTVERPENO.** — **Reĝa esperanto-grupo « La Verda Stelo ».** — La 5-an de Junio, multaj membroj de la grupo venis kun diversaj konatuloj al la kunveno por viziti la pentekostan foiron. Ili havis bonan okazon sin bone distri kaj evidente finis,... manĝante vaflojn.

La 12-an de la monato estis organizata klubvespero dum kiu oni pasigis la vesperon per diversaj kartludoj.

La 19an okazis la parolado pri Polujo. S-ro Kempeneers, kiu estis speciale veninta el Bruselo ĉeestis la kunsidon kaj estis s-ro Jaumotte, prezidanto de la grupo, kiu prezentis la eminentan oratoron, kiu parolis kun la de li konata vervo pri sia lando kaj entuziasme samtempe klopodis instigi niajn membrojn aliĝi al la kongreso de Varsovio.

S-ro Jaumotte ankaŭ substrekis la varman aplaŭdon kiu rekompencis la klopodon de sinjoro Grenkamp.

Sabaton la 26-an okazis la monata komuna vespermanĝo, kiun ĉiam same ŝatas la antverpenaj esperantistoj.

**BRUĜO.** — **« Bruĝa Grupo Esperantista, Reĝa Societo ».** — La 18-an de Majo, la ĉeestantoj raportis pri la Antverpena kongreso sub la prezideco de F-ino M. Vanden Berghe.

La 25-an, okazis debato laŭ temo: « Viro aŭ Virino » sub prezideco de S-ro K. Decoster. Multaj samideanoj donis sian opinion kaj okazigis interesan kaj amuzan interdiskutadon.

La 1-an de Junio, S-ro Poupeye prezidis la legadon de B.E. kaj donis la necesajn klarigojn.

La 8-an, pro malhelpo de la sindonemaj pianistinoj: S-inoj Poupeye kaj Van Roye, ne povis okazi kant-vespero. Post multnombraj komunikaĵoj faritaj de la prezidantino, F-ino Thooris, la ĉeestantoj priparolis grupan ekskurson. Post longa diskutado ili decidis iri la 20-an de Junio posttagmeze al Damme.

De la 4-a ĝis la 14-a de Junio daŭris, en la Haloj en Bruĝo, la Komerca Foiro en kiu la Bruĝa Grupo organizis belan standon. Belegaj libroj, pruntedonitaj de B.E.I. estis ekspoziciataj, apud plej diversaj dokumentoj, fotografaĵoj, lernolibroj, propagandiloj kaj aliaj esperantaĵoj. Dum dek tagoj, po dek horoj tage, preterpasis miloj da vizitantoj, kaj la sindonemaj deĵorantoj senlace klarigis, aŭdigis nian lingvon kaj disdonis propagandilojn. Multaj adresoj de interesuloj estis notataj por estonta kurso. Samideanoj el plej diversaj lokoj, precipe el la sama provinco, vizitis la standon kaj tiel kontaktis kun la grupo kaj kun nia ligo. Ne nur ĉe la Esp. stando oni parolis nian lingvon, sed eĉ ĉe diversaj aliaj standoj de komercaj firmoj oficiale deĵoris samgrupanoj, kiuj povis akcepti en propra lingvo la samideanajn vizitantojn. Diversaj aŭtoritatuloj ankaŭ dediĉis viziton, inter kiuj, la provincestro: samgrupano S-ro H. Baels, kaj la urbestro, kaj ne ŝparis nek laŭdojn ,nek promesojn de simpatianta apogo. Tiu grandskala entrepreno certe valoros belajn fruktojn al la grupo kaj al nia ĝenerala movado.

Dum la kunveno de la 15-a de junio estis detale raportata pri tiu Komerca Foiro kaj post multnombraj interesaj komunikaĵoj, F-ino Thooris, prezidantino, donis utilajn klarigojn pri nia internacia organizaĵo IEL, instigante ĉiujn al aktiva membriĝo.

**BRUSELO.** — **Esperantista Brusela Grupo.** — Mardon, la 4-an de Majo okazis la festo organizita je la honoro de la lernantoj de S-ro Buenting.

S-ino Staes-Vande Voorde meritas multajn gratulojn por la maniero laŭ kiu ŝi preparis tiun feston: S-ino Elly Staes kantis ariojn el « Cavalleria » kaj « Tanhauser » kaj S-ro Alofs deklamis versojn kaj ambaŭ rikoltis multajn aplaŭdojn.




La bela stando de la Bruĝa Grupo en la komerca Foiro.

La komedieto de S-ino Faes « Esperanto kaj Amoro » ludata de S-inoj Angelet kaj Jacobsohn kaj de S-roj Oleff kaj D-ro Maes, kiu bonvolis anstataŭi S-ron Castel malhelpatan, multe amuzis la publikon.

Fine interesa parolado kun lumbildoj de S-ro Hornblow (Wellington) pri « Nov-Zelando » estis longe aplaŭdata.

Ĵaŭdon la 13-an de Majo, la lernantoj siavice invitis la bruselajn samideanojn al gaja festo en « Brasserie Flamande ».

Post parolado de S-ro Buenting, estis disdonataj la diplomoj al la lernintoj de la Cseh-kurso. La lernantoj mem zorgis pri bela programo, kiu enhavis kanton, deklamadon, pianoludadon, k.c.

Post parolado de F-ino Angelet, memoraĵo estis prezentita de la lernantoj al S-ro Buenting.

Lundon la 24-an de Majo S-ro Bas detale kaj bonhumore raportis pri la ĵus okazinta Kongreso en Antverpeno.

F-ino Jennen anoncis la starigon de du sek-S-ron Buenting pro la bela laboro de li farita, kaj tiu ĉi dankis instigante la grupon altiri la lernintojn.

F-ino Jennen anoncis la starigo de du sekcioj:

1. Teatra sekcio sub la estrado de S-ino Staes-Vandevoorde kaj F-ino Angelet.
2. Dancsekcio sub la gvidado de S-ro Gordin.

Lundon la 7-an de Junio post paroladeto de S-ro Gordin pri la modernaj dancoj oni aŭdis tre interesan pritraktadon de S-ro Buenting pri « Nederlanda Hindujo ». Li parolis pri la gentoj, la lingvoj kaj la moroj en tiu malproksima lando. Li finis legante tradukon el verko de Multatuli.

S-ro Kempeneers montris tiam kelkajn filmojn pri naciaj kongresoj inter kiuj jam de Antverpeno.

F-ino Jennen starigis intertempe trian sekcion, kiu okupos sin pri gimnastiko, sub gvidado de S-ino Jacobsohn.

Tiu ĉi kunsido estis multnombre ĉeestata.

**Ĉe Brusela Reprezentantaro.**

La bruselaj samideanoj profitis bonan okazon por pasigi agrablan vesperon, dimanĉon 13an de Junio: S-ro Buenting gastigis S-ron Roland Dupuis kaj geamikojn kiuj transiris Belgujon por viziti la parizan ekspozicion. S-ro Roland Dupuis, franca Cseh-instruisto el Rouen, gvidas sukcesplenajn kursojn en Nederlando. Tiun sukceson oni bone komprenas kiam oni ĉeestis vesperon aranĝitan de nia franca samideano. Kun egala lerteco li prelegis, kantis, ludis pianon, prezentis lumbildojn el sia lando; por fini, radio-aparato ekaŭdigis la radio-elsendojn de Hilversum kaj la festĉeestantoj kun granda surprizo aŭdis la voĉon de samideano Roland Dupuis, kiu, de Hilversum, rakontis en Esperanto la vivon de Chopin, dum la sama samideano, en Bruselo, trankvile trinketis « Kriekenlambiek ».

**LOVENO.** — **« Lovena Grupo ».** — Kun ĝojo, ni povas mencii la plenan kaj viglan reviviĝon de nia Esperanto-movado en Loveno.

La nova juna grupo elektis sian estraron, kiu konsistas el S-ro Van den Bussche, prezidanto; S-ro Maurice Wauters, sekretario, kaj S-ro Armand Brullens, kasisto.

La lokaj ĵurnaloj jam raportis pri la vivo de tiu grupo, kiu baldaŭ organizos kurson kaj kiu promesas baldaŭ plilarĝigi la propagandon en la Lovena regiono.

**NIVELLES.** — Kun vera feliĉo ni povas citi, ke, en Nivelles, kie ni, antaŭ kelkaj monatoj, havis nur du membrojn, nian konatan Pastron De Maeyer kaj nian bonan samideanon Berger, nun jam ekzistas vigla grupo, kiu aligis jam multajn membrojn al nia Ligo.

## Belga Esperanto-Instituto

Pro morto de unu kaj eksiĝo de du administrantoj de « Belga Esperanto-Instituto », la administrantaro kaj la komisaroj estis devigataj, provizore, alnomi novan administranton.

La administrantaro nun konsistas el S-roj Maur. Jaumotte, Louis De Hondt kaj Oscar Van Dijck, administrantoj-delegitoj; S-roj De Ketelaere, Edgard De Coster, Charles Van der Veken kaj Hector Vermuyten, administrantoj.

La tri administrantoj-delegitoj kune prizorgas la ĉiutagan funkciadon de la instituto, kun la kunlaboro de du oficistoj.

La administrantaro decidis ne plu elekti speciale administranton-prezidanton kaj admin.-sekretarion. En la aktoj kaj por la agoj, por kiuj la leĝo postulas ties subskribon, la du plej malnovaj administrantoj-delegitoj funkcios, respektive, kiel prezidanto kaj sekretario.

## Laŭ la akvofluo

Inter la bordoj de la markanalo, la domo de la boatisto foriĝas laŭ la akvofluo. Du fortikaj viroj, kun la torso duonnuda, la korpo oblikva, la kubutoj antaŭe, marŝas spasme sur la bordvojo; ili faras tri paŝojn, poste tri aliajn, kaj, ĉiufoje, ili streĉas, post si, la longan ŝnuron al kiu alkroĉiĝas iliaj krispigitaj pugnoj kontraŭ ilia vundita ŝultro. La vento ŝveligas ĉirkaŭ iliaj fleksitaj kruroj iliajn blutolajn pantalonojn. Peza kaj brila kun sia rondigita hulo, sia blanka kajuto kaj sia neutila masto sur kies supro flirtas ruĝa standardeto, la platŝipo, el nova ligno, malrapide glitas sur la akva lumo kaj cedas serene al la terura laboro de la ŝiptiristoj.

Virino, kun blanka kufo, kun ruĝa koltuko, eliras la dometon, kies tegmento estas eltranĉata kiel tiu de birdkaĝo. Ŝia blondega infano estas kliniĝinta sur la rando de la ŝipo kaj speguliĝas sur la tremanta ŝipo, restarigas la bubon, kies antaŭtuko havas precize la ĉielkoloron kaj revenas ridante al la sojlo.

Tiel foriras la boatista domo, tra la aspektŝanĝanta pejzaĝo; al la ondo sur kiu ĝi akviras, aldoniĝas la senfino de la ĉielarkaĵo, kiu en ĝi reflektiĝas. Kaj la tuta bela printempo rondiĝas kristale super la akvoj; la arboj tremetas, la suno indikas la horon, la vivo forpasas, la tempo malaperas.

Tradukis el «La Campagne enchantée»
de D.r J. D'Orbaix
Antoinette JENNEN.

# La Gazetaro parolas....

**Redaktas: H.A.R.S.**

**Esperanto en Nov-Jorko:** En Nov-Jorko, Esperanto estas nuntempe instruata en ses lernejoj kaj kolegioj. Fondiĝis Amerika Studenta Esperanto-Asocio. Ekzistas en Nov-Jorko ankaŭ Esperanto-klaso por junaj skoltoj. (Esperanto Internacia.)

**Poŝtmarkoj kun teksto en Esperanto:** Kiu sendos al Brazila Ligo Esperantista, Av. Marechal Floriano, 212, Rio de Janeiro, Brazil, du poŝtajn respondkuponojn, tiu ricevos tri poŝtmarkojn kun esperanta teksto en fermita koverto. Kiu sendos kvar respondkuponojn, tiu ricevos, per rekomendita letero, la tri poŝtmarkojn en la koverto kaj la samajn sur la koverto. (Svenska Esperanto-Tidningen.)

**Esperanto en Nederlando:** Okaze de la geedziĝo de la nederlanda princino Juliana kun princo Lippe Biesterfield oni aranĝis festojn en ĉiuj urboj de la lando. Laŭ speciala peto de la urbestro en den Burg estis montrataj en ĉiuj Tekselaj lernejoj filmoj pri Esperanto kaj pri la inaŭguro de la Esperanto-monumento en de Burg (sur insulo Teksel). La filmojn faris s-ano G. Joh. Duinker, redaktoro. (Ligilo.)

**Esperanto ĉe la blinduloj:** Vere mirindaj estas la sukcesoj de la Esperanto-movado inter la tutmonda blindularo. Ilia internacia federacio: UABO ampleksas jam 25 diverslandajn membro-organizaĵojn. Inter ili troviĝas tiaj tutlandaj, gravaj blindul-organizaĵoj, kiel tiuj de Bulgarujo, Ĉeĥoslovakio, Danujo, Finnlando, Hispanujo, Hungarlando, Irlando, Norvegujo, Polujo, Svedujo k.a. UABO eldonas brajle: « Esperanta Ligilo » kaj krome en ordinara formo « Ligilo Por Vidantoj ». Ĉiujare la nombro de brajlaj esperantaĵoj kreskas. (Pola Esperantisto.)

**Esperanto en Francujo.** — La Foiro de Lyon, kiu regule uzas Esperanton por sia propagando kaj korespondado, eldonis novan kvinkoloran afiŝon kaj aliajn reklam-presaĵojn pri la foiro, kiu okazis en la tagoj 4-14 de marto 1937. La statistiko de la foir-oficejo montras forte kreskantan uzadon de Esperanto en la korespondado de la foiro. (E-ista Revuo.)

**Esperanto ĉe la polico:** En Varsovio estas nun fama instruisto kaj propagandisto s-ro Tiberio Morariu, kiu gvi-

das kursojn laŭ Cseh-metodo. Al la speciala kurso por policanoj enskribiĝis 249 personoj inter kiuj tri policoficiroj. Estas preparataj kursoj por tramistoj kaj instruistoj.

(Nia Gazeto.)

**Esperanto en Nederlando:** La federacio de Lab. Esper. en Nederlando organizas ankaŭ Infanmovadon. Ĝis nun fondiĝis 6 infangrupoj en diversaj urboj. Ni jam plurfoje substrekis ke tiu Federacio havas la kutimon fari ĉion tute bone, eĉ ekde la komenco.

(Ligilo.)

**Esperanto en Japanujo:** Ĉar la interkompreniĝo dum la Olimpiaj Ludoj, kiuj okazos en 1940 en Japanujo, havos same grandajn malfacilaĵojn kiel okaze de la lastjara Olimpiado en Berlino, faras jam nun multaj E.-institucioj en Japanujo klopodojn, utiligi Esperanton vastskale por la Olimpiado en Tokio.

— Okaze de enketo esprimis sin favore al E. 143 kandidatoj por la japana parlamento. El ili 78 akiris seĝojn en la parlamento, inter ili du eksministroj kaj la eksprezidanto de la Malsupra Domo.

(Ligilo.)

**Esperanto en Italujo:** La 18-a Internacia Specimena Foiro de Milano, kiu okazis de la 10-a—17-a de aprilo, disponigis al la Esperanto-Centro Itala specialan E.-standon.

---

## Arĝenta Jubileo en Esperantujo

## F. Faulhaber, esperantisto de antaŭ 25 jaroj

En la nuna monato, F. Faulhaber festas la arĝentan jubileon de sia esperantisteco.

Ni vere ne povas preterlasi la okazon, diri kelkajn laŭdajn vortojn pri tiu laboranto fervora kaj bonega kaj samtempe profitas tiun okazon varme lin gratuli.

Faulhaber lernis Esperanton en la vintro 1911-1912.

Ekde la unua horo, oni vidis en li fervorulon, kiu scias bone fini tion, kion li iam komencis.

Eĉ dum la milito, kiam li estis mobilizita, li kapablis daŭre labori por nia lingvo.

Kelkajn jarojn post la restarigo de la Federacio de laboristaj esperantistoj en la regiono de la nderlanda lingvo, en 1927, li iĝis ĝia prezidanto, kiun funkcion li plenumis ĝis nun.

Precipe en la lasta jardeko, tiu posteno demandis tre multe de liaj fortoj kaj klopodoj sed la prospero kaj brilega progresado de la federacio pruvas sufiĉe pri lia agemo.

Dum unu jaro, li redaktis « Laboristan Esperantiston », li laboras kiel prezidanto de la Ekzamena komitato, redaktas la instruan gazeton « La Progresanto » prizorgis la vere famekonatajn « Taalrubrieken » kune kun s-ro G. J. Degenkamp, ktp. ktp....

Krom ĉio tio, li trovis ankoraŭ la okazon, verki la konatan libron « Tra la Labirinto de la Gramatiko », kaj eĉ se li nur estus plenuminta tiun lastan laboron, li plene meritus nian sinceran dankon.

Al sinjoro F. Faulhaber ni tutkore gratulas kaj ni esprimas la deziron, ke, post sia jubileo, li ne pensu sin « maljunulo », sed ke li daŭrigu sian netakseblan laboradon.

H. SIELENS.

# Bibliografio

**RIGARDANTE MALANTAŬEN, de Edward Bellamy. Tradukita el la originalo de C. M. Hamakar. 182 paĝoj. Prezo: ordinara eldono: 1.50 guld.; en fortika tolbindaĵo kun aparta ŝirmkovirlo: 2.25 gul. — Eldonis Fratoj E. & M. Cohen, Amsterdam, Nederlando.**

Lasttempe ni diversfoje havis la okazon paroli pri la fame konata verkisto Edward Bellamy. Despli ni ĝojis, kiam ni ricevis la tradukon de lia bela verko « En la Jaro 2000 ».

La romano kiu aperis sub la titolo « Rigardante malantaŭen », meritas la atenton de ĉiuj esperantistoj. Ne nur pro la enhavo de la libro, kiun cetere la plimulto konas, sed jam nur pro ĝia belega aspekto ĝi meritas honoran lokon en niaj bibliotekoj.

Ni povas kore danki al la eldonejo E. & M. Cohen el Amsterdam, pro la fakto ke ĝi akceptis eldoni ankaŭ esperantlingvan verkaĵon, kaj ni povas gratuli ĝin plej varme, pro la maniero, laŭ kiu ĝi efektivigis sian planon.

**LA AVENTUROJ DE MARTENO DRAKE. — Verkis G. Norway. El la angla tradukis: Walter Severn. Eldonis The Esperanto Publishing C°. Numero 13 en la serio « Populara Esperanto-Bibliotheko. — 206 paĝoj. — Prezo 3 ŝ. 6 p. + 6 p. por sendkostoj.**

Tiu ĉi libro kiu estas la dektria en la serio de la Populara Esperanto-Biblioteko, estas la tre komplika rakonto pri la mirindaj aventuroj de angla knabo kiu longe serĉis kaj finfine trovis sian patron, kiu pro kontrabanda estis kondamnita al elkzilo kaj punlaboro.

La tradukinto kiu estas la konata W. Severn, kiu dum tiom da jaroj prizorgis la studentan angulon en « The British Esperantist » faris bonan, grandan kaj laŭdindan laboron.

« The Esperanto Publishing Company » povas esti kontenta pri sia lasta eldonaĵo, kvankam oni forgesis meti la titolon de la libro sur la tolbindaĵo, kaj mencii la P.O.B.-signon, ion kion oni faris ĉe la antaŭaj eldonaĵoj de tiu serio.

Tiu ĉi rimarketo tute ne celas malgrandigi la valoron de la verko, kiun ni povas rekomendi al novuloj, same kiel al plenperfektiĝintoj.

**LA JUNA VIVO. — Lernolibro por Infanoj Kolekto de 15 porinfanaj Esperanto-lecionoj, kiuj sinsekve aperis en la bonega infangazeto « La Juna Vivo ». Ĉiuj informoj haveblaj ĉe: « Juna Vivo », West Graftdijk (N.H.), Nederlanda. — Prezo: 0,20 guld. + 15 % por sendkostoj.**

La Juna Vivo, kies vigla agado estas konata, ĵus eldonis lernolibreton, kiu montras novan gravan paŝon en la vojo de porinfana instruado; ĝi sin apogas sur la moderna pedagogia principo: lernado per imitado.

La tekstoj de la 15 lecionoj fariĝas laŭgrade pli kaj pli malfacilaj. Imitindan novaĵon formas 9 kantoj kun muziknotoj. La ilustraĵoj estas tre karaj, kaj bonege reproduktitaj. La lingvo estas klasika kaj modela.

**GVIDLIBRO PRI RIO DE JANEIRO, ĉefurbo de Brazilo.**

Eldonita de la Ministrejo por Eksterlandaj Aferoj ĉe la Ŝtata Presejo. Dukolora kovrilo, 13 paĝoj de teksto, 31 paĝoj da ilustraĵoj sur luksa papero, kaj urboplano. Kiu deziros ĝin ricevi, bonvolu peti (kun respondkupono por la poŝto) al jena adreso: Ministério das Relaçoes Eŝteriores, Av. Marechal Floriano, Rio de Janeiro, Brazil.

**ORA NUMERO: Jubilea numero de « The British Esperantist ».**

Okaze de la Esperanto-jubileo la Brita Esperanto-Asocio, 142, High Holborn, London W.C. 1, Anglujo, eldonis belegan specialan numeron kun ora kovrilo. Prezo 3 internaciaj respondkuponoj.

**MARISTA RAKONTO (partituro).**

Esperantista Reprezentantaro Brusela, fondita antaŭ unu jaro, eldonis sian unuan eldonaĵon: Marista Rakonto, kanto kun piano, laŭ angla kanto. Teksto reverkita de F. W. Buenting. Prezo de la muzikaĵo 3 belg. fr. Adr.: Bruselo, 77 Nieuwenhovestrato.

**ESPERANTO EN BRAZILIO: Notindaj datoj kaj faktoj en lingvoj Esperanta kaj Portugala. 18 pp. Imprensa Nacional, Rio de Janeiro.**

59 faktoj pri progreso inter 1898 kaj 1936, kronologie aranĝitaj. La verko estas eldonita okaze de la 9a Brazila Kongreso de Esperanto (Novembro, 1936). Verŝajne en neniu alia lando Esperanto ricevis tiom da oficiala kaj ŝtata apogo, kiom en Brazilio—bona antaŭsigno, por la estonteco de nia movado en tiu lando.

**LA SKOLTA MOVADO: Ĝia bezono de internacia lingvo.**

Verkis Sven Alexandersson. Formato 10,5 × 13 cm., 8-paĝa, prezo ne montrita. Havebla ĉe « Skolta Bulteno », 54, Constable Road, Ipswich, Anglujo.

**MUUSSES ESPERANTO-BIBLIOTEKO.**

Sub tiu ĉi titolo ekaperis nova serio da broŝuritaj libretoj, 32-paĝaj pri kiuj ni pli detale skribos en nia proksima numero.



**INTERNACIA ESPERANTO-LIGO**

**KOTIZOJ 1937**

**MAH Fr. 130.00** **MS Fr. 200.00**
**MJ Fr. 22.00** **MA Fr. 50.00**
**Patrono Fr. 750.00.**

**Noto:** la oficialaj gazetoj estas « Esperanto Internacia » monate, kaj « Heroldo de Esperanto » semajne.

**PAGU VIAN KOTIZON AL :**

Via grupo aŭ al R.B.L.E. kune kun la kotizo, kiu por la Ligo estas Fr. 35,—

Leterojn direktu al la Teritoria Sekretario S-ro Van den Bossche, Willemsstr., 21, Antverpeno.

**ESTRARO DE „BELGA LIGO ESPERANTISTA"**

**Prezidanto:** D-ro Paul Kempeneers 19, Avenue Montjoie, Uccle. (Tel.: 44.53.00.)

**Vicprezidantino:** F-ino Yvonne Thooris, 4, Wijnzakstraat — Rue de l'Outre, Bruĝo. (Tel.: 320.86.)

**Vicprezidanto:** S-ro Maurice Jaumotte, 44, Avenuo De Bruyn, Wilryck (Antverpeno). (Tel.: 777.58.)

**Sekretarioj:** S-ro Ch. Poupeye, 42, Elf Julistraat, Bruĝo.
S-ro R. Dechesne, 38, Rue de la Meuse, Sclessin.
S-ro Swinne, 77, Rue Nieuwenhove, Uccle.

**Kasisto:** S-ro André Tassin, 1, rue St Joseph, La Louvière.

**Por pagoj de kotizoj, nancoj, abonoj kaj donacoj:**
P.Ĉ.K. 1337 67 de Belga Ligo Esperantista (La Louvière).

**Por pagoj al I. E. L.:**
provizore al la privata P.Ĉ.K. 4109.91 de S-ro G. Van den Bossche, teritoria sekretario.

**Por pagoj al Belga Esperanto-Instituto:**
P.Ĉ.K. 1698 58, Antverpeno (Willemsstr. 21)



Presejo de BELGA ESPERANTO-INSTITUTO, Koopera Soc., Willemsstrato, 21, ANTVERPENO.